ROK XXIV.
JARO XXIV.

MARZEC 1930.
MARTO 1930.




N-r 3. N-o

EL POLLANDAJ VIDINDAJOJ.



La bildo prezentas preĝejon de S-ta Anna en Wilno.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTOR PROF. DR. ODO BUJWID REDAKTANTO

PRENUMERATA: rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

ABONO: jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—
Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".
Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—
Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.



TREŚĆ — ENHAVO:

# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXIV JARO | KRAKÓW MARZEC 1930 MARTO | Nr 3 N-o

## GENERALO SEBERT.

En la pasintmonata numero ni donis mallongan sciigon pri morto de nia tiom meritplena Samideano, en la nuna ni prezentas iom pli ampleksan artikolon por memorigi kelkajn detalojn el lia vivo. **Red.**

La 23 de Januaro mortis en Parizo generalo Sebert, je la aĝo de 91 jaroj, naskiĝinte en Verberie (Oise) la 30 de Januaro 1839.

Post bonegaj studadoj en kolegio de Compiègne kaj en liceoj de Saint-Omer kaj Douai, li estis akceptita en en l'Ecole Polytechnique (1856). Li eliris el ĝi kiel oficiro de mara artilerio.

Li kreis multspecajn aparatojn, kiuj ebligis la determinadon de la balistikaj leĝoj kaj aliaj kondiĉoj de la uzado de la artileria materialo.

En 1891, generalo Sebert estis ĝenerala sekretario de la fama Kongreso por Elektro, kiu komencigis en Francujo la gravan movadon por elektro industria.



Generalo SEBERT.

En 1896, li estis elektita membro de la Scienca Akademio.

Aliĝinte en 1898 al Esperanto, de tiam li senlace komencis propagandi. Li tuj rimarkis, ke la movado ne povas sukcesi, se ĝi ne sin apogas sur forta, potenca organizo, kun koordino de ĉiuj fortoj, alcentrigo de informoj, havigo de mono, sen kiuj ĉiu iom serioza laboro estas neebla; tiaj estis la celoj, kies atingo ŝajnis al li necesa por triumfigi nian aferon. Bedaŭrinde, je tiu epoko, dum la jaroj 1903—1905, la esperantistaj rondoj de ĉiuj landoj estis tute kontraŭaj al iu ajn organizo.

Pro tio, en la Kongreso de Boulogne-sur-Mer (1905) kie renkontiĝis por la unua fojo, la malnovaj samideanoj de la unua periodo kaj la nove varbitaj... grandnombraj, precipe en Francujo kaj Britujo, la demando pri organizo prezentiĝis sed ricevis neniun kontentigan solvon. Oni nur sukcesis krei Esperantistan Lingvan Komitaton (kun prezido de Rektoro Boirac) por zorgi pri la konservo kaj libera evoluo de la lingvo, kaj Esperantistan Organizan Komitaton (kun prezido de Generalo Sebert) kiu poste havis la nomon de Konstanta Komitato de la Kongresoj, kies celo estis nur zorgi pri la organizo de la estontaj universalaj Kongresoj.

Tiu duopa fondo donis al Generalo Sebert la okazon alporti al la movado la altvaloran helpon de siaj grandaj kvalitoj de organizanto kaj laboranto, de sia potenca socia influo, de siaj eminentaj rilatuloj, de siaj konoj kaj spertoj.

En septembro 1905, Generalo Sebert faris kunsenton kun sia amiko Doktoro Emile Javal, fama okulisto, ano de la franca Akademio de Medicino kaj entuziasma Esperantisto; ili ambaŭ starigis malgrandan kapitalon, elprenitan el siaj propraj monhavaĵoj, kaj per tiu mono, ili decidis fondi en Parizo (51, rue de Clichy) Esperantistan Centran Oficejon, kies roloj estis servi kiel sekretariejo de la du Komitatoj kreitaj de la Kongreso de Boulogne-sur-Mer (Lingva kaj Organiza) kaj plie okupiĝi pri diversaj laboroj de statistiko, dokumentigo, bibliografio rilataj al Esperanto. La persona partopreno de Generalo Sebert en tuj laboroj estis tiel granda, ke oni povas diri, ke la preskaŭ tuta agado de Sebert por Esperanto resumiĝas en lia agado kiel direktoro de la Centra Oficejo. Por la unua fojo la movado esperantista havis centron, kie ĉiuj disigitaj klopodoj estis koordinataj. Denombri la diversajn, multegajn agadojn de la Centra Oficejo estus neebla, en tiu rapide verkita artikolo:

Organizo de la laboro de la Lingva Komitato kaj de la poste fondita Akademio; publikigo de la raportoj de tiuj gravaj oficialaj institucioj;

Preparo de la ok universalaj Kongresoj, kiuj sekvis la Kongreson de Boulogne-sur-Mer; korespondado kun la lokaj komitatoj, preparo de la laboraj kunsidoj, publikigo de la Oficialaj Raportoj, monhelpado al la lokaj Komitatoj por garantii elspezojn aŭ pagi deficitojn;

Publikigo de Oficiala Gazeto, riĉa, multvalora kolekto da dokumentoj pri la vivo de nia movado, publikigo de Esperantista Societaro kaj poste de Oficiala Jarlibro, de bibliografiaj laboroj pri la esperantaj verkoj;

Starigo kaj konservo de biblioteko kie oni celis kunigi ĉiujn verkojn kaj gazetojn pri Esperanta literaturo;

Klopodadoj apud Registaroj kaj grandaj administracioj ŝtataj kaj privataj;

Helpado al ĉiuj propagandaj esperantistaj entreprenoj, societoj: oni neniam vidis iun Esperantiston sin turni al Generalo Sebert por peti ian ajn helpon de la Centra Oficejo kaj ne ricevi kontentigan subtenon; eĉ por privataj servoj, ne rilataj al Esperanto, Generalo Sebert senlace kaj bonkore akceptis helpadi, se la petanto estis Esperantisto!

Kaj jen lia labortago. Dum la tuta mateno, se li ne estis ĝenata de iu vizitanto, li laboris en sia hejmo por Esperanto. Li korespondadis kun multaj Esperantistoj, kiuj ricevis de li longajn leterojn, tre detalajn, en kiuj neniu punkto, neniu flankaĵo estis malzorgata, leterojn plenajn je konsiloj, planoj, klopodoj, projektoj, instrukciojn zorge pripensitajn kaj verkitajn. Al ĉiu korespondanto, eĉ nekonata, Generalo Sebert penadis respondi akurate, longe kaj detale. Ĉiuj leteroj ricevitaj kaj ĉiuj kopioj de la senditaj estis zorge kaj metode klasigitaj: la metodo kaj ordo de lia laborado estis indaj je admiro.

Dum ĉiu postagmezo, Generalo Sebert laboris pri siaj profesiaj aferoj; li administris gravajn societojn de industria konstruado; inter la 5-a kaj 6-a horo vespere, ĉiutage li venis al la Centra Oficejo kaj dum unu horo kaj ofte pli, li restis tie, kontrolante laboron de la sekretario, interparolante kun li pri diversaj aferoj de la esperantista movado, ricevante vizitojn de samideanoj, partoprenante al iaj esperantaj konsiliĝoj.

La kvanto da persona laboro, kiun Generalo Sebert dediĉis al Esperanto estas nekredeble granda; ĉiuj personoj, kiuj povis konstati tion, demandis al si kiamaniere tiu homo, kun sia aĝo, siaj multaj profesiaj aŭ honoraj okupoj kaj devoj povis trovi la necesan tempon por fari tian laboron; li skribis ĉiujn multegajn kaj longajn leterojn propramane; sed li havis mirindan memoron kaj la laboro malfacile lacigis lin. Kontraŭe, kiam li, pro iu ajn kaŭzo devis ne labori sed ripozi, li ne estis komforta; io mankis al li. Sebert donis al Esperanto ne nur grandan kaj valoran laboron de sia alta inteligenteco, sed li donis ankaŭ monon. Oni povas hodiaŭ diri ke, kontraŭe je la komuna penso, li ne estis riĉulo; li ne posedis gravan monhavaĵon. Li laboris por gajni sian vivon, sed li havis altajn oficojn kaj gajnis multe da mono. El siaj salajroj, li deprenis la monon, kiun li bezonis por la Centra Oficejo. La malgranda fonda kapitalo, kiun li kaj Javal dediĉis al la Oficejo je la komenco estis elĉerpita post du aŭ tri jaroj; poste Generalo Sebert sola donis ĉiumonate la gravajn sumojn necesajn el sia propra poŝo.

Lia poresperanta agado kaj laborado estas multa, tre multa. Liaj meritoj por nia afero estas nepritakseblaj, kvankam nova generacio, novaj postmilitaj adeptoj de Esperanto jam ne tiom multe aŭdis pri liaj faroj por la afero. Lia granda antaŭmilita flamo ne brilas plu tiel forte, grandaĝo, longa migrado tra la vivo elstampis sian signon, lacigis lin evidente. Malfortiĝis la flamo, sed restis belega rememoro pri la homo, kiun ĉiam vigligadis penso pri nia afero; mortis la homo sed restis post li admirindaj verkoj, kiuj neniam permesos pri li forgesi. Lia nomo estas enskribita per oraj literoj en la historio de Esperanto. Kaj oni povas certigi ĉiun, ke Esperantistoj konservos fidele la memoron de Generalo Sebert, kiu estis unu el tiuj malmultaj Esperantistoj, kiuj fordonis al Esperanto plej bonan parton el si mem. Por Sebert, kiel por Zamenhof, Bourlet, Hodler, Mudie (mi aludas nur pri mortintoj) Esperanto estis la ĉefa priokupo de la vivo. Tion la novaj samideanoj neniam devos forgesi kaj ili devos esti eterne dankemaj al tiuj sindonemaj pioniroj.

Kompilis: **Theta**.

# EL MEMORLIBRO DE L' ELRELIĜINTO.

Mi ekvidis ŝin je la 10-a horo 11 minutoj.

Je la $12^{3}$ ŝi jam estis en la **stacidomo** de mia koro... Mi mem ne sciis, kiel, kaj kiam ŝi fariĝis **administranto** de miaj agadoj, **movestro** de miaj pensoj k. ĉiuj **fakoj** de la koro...

Tio estis moŝtsinjoro, kiu veturis per **rapidvagonaro...**

Ŝiaj okuloj aspektis kiel **lokomotivaj lanternoj** meze de nigra nokto; mi amis ŝin pasie k. mi treniĝis post ŝi kiel **tendro.**

Mi volis **ŝanĝi relojn** de mia vivo, deiri de fraŭla **linio** k. lasi min rekte sen konsidero de **deklivoj** k. **arkoj** al **stacidomo** de himeno, aranĝi tute novan **veturordon** de mia vivo k. ŝanĝi **tarifon.**

Sed, ĉu mi havos sufiĉe da **vaporo** k. **karbo,** ĉu al mi ne mankas **oleo** k. **ŝmiraĵo?**

Dio mia, Dio! mi sentas **signalon** en mia koro, la **vagonaro** de pasia amo alvenas, la koro aŭdiĝas en mi kiel **sonorilo.**

La horo $12^{5}$, mi jam ŝin amas, ŝia rigardo premas min kiel **buforo.** — Teruro!

Mi volus min **ekspedi** al diablo, mi ne povas. Mi ne povas vivi sen ŝi, mi ne estas kapabla morti sen ŝi...

Ŝi enfalis en mian koron kiel **pakaĵo** en **brankardon** k. kien mi devas ŝin **ekspedi?**

. . . . . . . . . . .

Ŝi loĝas kun la patrino en la strato H.

Mi alkuras al ili por trinki teon je la $7^{31}$. Ŝi estas mirinde bela k. ŝia patrinjo aspektas kiel **rezervujo** kun varma akvo...

Estas al mi kiel en la ĉielo...

Kial min Dio punis per la ofico ĉe la fervojo?! Mi devas esti ĉe la vagonaro je la $10^{10}$ — la devoj min vokas.

La horo $9^{16}$. Oni donas al mi duan glason da teo. Varmega infere — mi brogas la langon k. dronas en ŝiaj okuloj.

Estas al mi tiel urĝe, kiel al **kompatinda pasaĝero** je longedaŭra stacio.

Kion diras la **ĉefo?**

La horo $9^{56}$ — mi prenas ĉapelon.

Jen ŝi diras al mi!

Jam?!

Ĉi tiu „jam" ekbruis en mia kapo, kiel **fajfilo** de lokomotivo.

Mi estis ekhaltigita k. la **haltigilo** estis ŝiaj okuloj dibelaj.

La horo $10^{0}$. Mi aŭdas radbruon de fiakroj rapidantaj stacidomon...

Sinjorino, mi diras, la vagonaro forveturos... *).

Ĉu vi konas nur relvojajn vagonarojn?

Ŝajnas al mi, ke mi estas sankta Antono, kiun oni tentas. Sed tiu ne permesis k. mi permesis.

Krom tio, li ne havis oficon ĉe la fervojo.

*) Dusencaĵo: vagonaro signifas pole pociąg, la sama vorto signifas ankaŭ animan aŭ fizikan altirforton.

Mi estis alnajlita.
La horo $10^5$ — mi adiaŭas.
Ni jam vin ne haltigas, diras la patrinjo.
Per **rapidvagonaro** mi kisis iliajn manetojn.
Mi saltis en fiakron: al stacidomo, galope!
Mi enkuras stacion. La horo $10^{11}$. La vagonaro ĵus forveturis.
La ĉefo min ekinsultis.

. . . . . . . . . . . .

— Ŝi estas anĝelo!
— Mi ne estas inda tian trezoron. Tio estas ananaso, kiun oni devas **ekspedi** tre singarde.
— Mi estas ŝia fianĉo.
— Mi amas ŝin, k. aĉetas dekduon da gravuritaj glasoj.
— Mi ja devas trinki la familian teon k. ambrozion kun kukoj...
— Mirinda perspektivo!...
— Ŝajnas al mi, ke **vagonaro** de mia amo venos ĉiuajnmomente.
— Mi enkuros en **stacion** de ŝia koro...
— Ŝajnas al mi, ke ronda patrinjo malfermas jam por mi la **kasgiĉeton.**
— Ĉe ili en salono la mebloj, kiel en la vagono **de unua klaso.** Tuj, kiam mi edziniĝos mi havigos **ventolilojn** k. **cindrujojn** ĉe la fenestroj.
— Ankoraŭ unu momento k. mi povos libere viziti **kupeon por sinjorinoj,** en kiu sidas mia anĝelo.
— De tempo al tempo mi kisas ŝiajn manojn, jen kvazaŭ mi drinkus brandon en **interpera stacio.**
— Mi estas en sepa ĉielo.
— Ni **telegrafas** unu al la alia sen aparato.
— Ŝi sendas depeŝon: „ĉu vi amas"?
— Mi respondas: „mi amas k. vi ankaŭ"?
— K. ŝi: „kompreneble".
— Eble vi diros, ke tio estas enue? Ne! tio estas plej granda dolĉeco k. en ĉiu okazo mi jam pli tion preferas ol **departementon de kontrolo.** Mi kveras kun ŝi.
— Al diablo... la vagonaro!!
— Mi kaptas ĉapelon k. kuras.
— Bedaŭrinde, mi malfruiĝis.
— La estro donis al mi **skriban riproĉon.** Ankoraŭ unu fojon, mi elfalos el **reloj.**

. . . . . . . . . . . .

— En du tagoj devas esti nia edziĝa festo.
— **Lasta stacio** k. ripozo. Mi sentas ion strangan! Se mi estus Święcicki mi skribus la duan: „Ĉe la pordo de stacio".
— La patrinjo eliris por aĉetaĵoj. Ni estis solaj. La devo vokis min ree al stacidomo... En la oreloj bruis al mi **elektraj tintiloj!** Antaŭ la okuloj mi havis **flavajn borderojn** de **konduktoroj** k. ruĝan kiel sango **ĉapon** de la estro.
— Restis al mi 17 minutoj.

— Mi kisis ŝian dekstran manon, forfluis 4 minutoj — la maldekstran mi kisis tiom da tempo.

— Poste mi ŝanĝis ŝiajn manojn: mi kisis unue la maldekstran, poste la dekstran.

— Forfluis 16 minutoj.

— Ho, feliĉo, kial vi daŭras tiel mallonge?

— Unu minuton mi diris al ŝi: adiaŭ, anĝelo de mia animo.

— Restis al mi **O** da horoj, **O** da minutoj. Nenia horloĝo montras tian tempon.

— Mi kuras stacion. La ĉefo kolera kiel satano.

— Vi malzorgiĝas!

— Sinjoro ĉefo! mi amas!

— Jen, iru **ekspedi la amon,** al pakaĵo amo estas superflua!

— Mi ricevis eksiĝon. Mi elfalis el reloj.

— Mi petis, mi petegis, mi promesis pliboniĝon. Helpis nenio.

— Mi estis ekspedita al diablo per **rapida fretletero.**

— Mi kuras al ŝi. Ili jam scias. Mi sonoras unu fojon — la pordo ŝlosita; duan fojon, tio sama — trian... malbone. Nu, mi pensas, se post tria sonorado estos nenio, mi jam ne veturos per ĉi tiu vagonaro. K. mi efektive ne veturis.

— Duonjaron poste, ŝi estis edzino de ia dika **maŝinisto** el „Apudvistula vojo".

— Tio estas la historio de mia elreliĝo pro amo.

**Alienus.**

Tradukis: **Karlo Mikoŝ.**

# ĈU NI KOREKTE PRONONCAS ESP-ON?

Mi opinias, ke ioma konsiderado pri tiu temo ne malutilos. La naŭa regulo de la fundamento diras: „Ĉiu vorto estas legata, kiel ĝi estas skribita". El tiu paragrafo oni devas konkludi, ke oni ĉiun literon ĉiam devas egale prononci, sen diferenco, ĉu ĝi staras en la komenco, mezo aŭ fino de vorto, ĉar alie prononca komentaro estus necesa. Ĉu ni parolas esperanton laŭ tiu regulo? La sekvantaj linioj donu al ni klarecon.

La pola lingvo enhavas la ĝustan sonon de la esperantaj vokaloj, aŭ pli bone, oni povas konjekti, ke al Zamenhof la polaj vokaloj estis modelo por esperanto. Tio estas por poloj grava avantaĝo, ĉar multaj aliaj nacioj tre malfacile lernas la korektan elparoladon de la esperantaj vokaloj. Grave estas ankaŭ, ke niaj vokaloj estas nek longaj nek mallongaj, sed ĉiam meze longaj. Se estus alie, ree komentaro estus necesa, kiu dirus, kiam oni longe kaj kiam mallonge prononcu.

La vokaloj ne influu la elparoladon de la konsonantoj kaj ankaŭ ne reciproke la propran sonon. Ekzempla frazo tion klarigu: „Oni ne asertu, ke mia teorio enhavas ne necesajn ideojn". Ĉu la slavoj, precipe poloj ne emas prononci la „n" en la vorto „oni" kiel „ń"? Ĉu ili ne sentas tenton al la sama malkorektaĵo en multaj aliaj vortoj, en kiuj post c, n, s, z, staras i?

Sed ankaŭ ĉe kune starantaj du aŭ pli da vokaloj oni ofte, tre ofte aldonas prononcajn sonojn, kiuj ne estas skribitaj, aŭ aliigas el

du unu vokalon. Ni konfesu sincere, ĉu ni ne kutimis prononci: mija, kija, nenija, unuła, duła, ĝuło ktp. anstataŭ: mia, kia, nenia, unua, ĝuo? Tio estas malbona kutimo ekstermenda. En aliaj vortoj ni ja prononcas korekte: ĝui, ne ĝuji; ideo, ne ideło; ree, ne reje; neeble, ne nejeble; sciigi, ne scijigi. Se tamen iu volas kontraŭdiri, opiniante, ke ne estas facile prononci kune starantajn vokalojn sen tiu priskribita prononca subsono, tiu legu la vokalojn: i e a. Oni povas ilin flue kaj facile legi, tamen ne prononcante: ijeja. Oni metu antaŭ tiuj tri vokaloj la literon t kaj kunigu ilin en vorton, ĝi estas „tiea". Ĉu oni nun devas prononci ĝin: „tijeja", kvankam oni antaŭe elparolis i e a? Se jes, poste oni ankaŭ devus prononci ije, anstataŭ ie; ijo, anstataŭ io; ktp. Ni ne malbeligu tiel (ne tijel) nian (ne nijan) belan lingvon, donante bazon por kutimo tute kontraŭregula, kiu fine devus gvidi al detruo de la naŭa regulo kaj per tio ekdetrue tuŝus la fundamenton. Oni ankaŭ ne diru, ke miaj konsideradoj ne estas necesaj kaj gravaj. Mi diras, ke ni jam pro nia reputacio devas penadi korekte laŭregule prononcadi nian lingvon, ĉar alie ĉiu nia kontraŭulo rajtus diri, ke esperanto similas al „piĝin", ĉar ĉiu nacio ĝin alie parolas (precipe la vokalojn).

Ĉiu nacia lingvo havas sian klasikan modelan parolmanieron, nur esperanto ĝin ĝis nun ne posedas. Tio fariĝu alie. Ni nur parolu laŭregule kaj tuj ni atingos tiun celon. Ĉar poloj prononcas bone la esperantajn vokalojn, ili facile povos iĝi la modele parolanta samideanaro en esperantujo.

Kompreneble, oni ne troigu, ne dishaku la vortojn, sed parolu facile, elegante la kune starantajn vokalojn, simile kiel en la vortoj: troigi, ideo, oficiala, Odiseo, heroo, metio, ktp.

Ŝajnas malfacile forlasi kutimon praktikitan dum multaj jaroj, sed tio ŝajnas nur. La fundamento tion postulas kaj la afero estas facila, se oni nur volas. Mi aŭdis, ke oni en Francujo preparas akademion por korekta prononcado de esperanto. Polujo ne restu malprogresema.

Mi daŭrigas per ankoraŭ kelkaj sugestoj: Ne parolu nazale la silabojn ank, enk, ink, onk, unk kaj ev. ang, eng, ing, ong, ung, ekz.: danki, benko, lingvo, onklo, dungi ktp.

Ni konsciiĝu, ke ni la vortojn: kvar, kvin, kverko, kvitanco ktp. emas paroli: kfar, kfin, kferko, kfitanco. Oni iam eble aliigos la ortografion de tiuj vortoj, ĉar ili estas malfacile prononceblaj korekte. Pli facile tio okazas en la vortoj: sekvi, ekvatoro, ekvilibro, ekvivalento, kvankam mi ankaŭ aŭdis elparoli: sekfi, ekfatoro, ktp. — Plue mi aŭdis prononci „set", anstataŭ „sed"; ĥela, ĥelpi, ĥieno ktp. anstataŭ: hela, helpi, hieno. Oni ne diru ĥaraktero sed karaktero.

La deka regulo parolas pri la akcento. Tiu afero por poloj estas tre facila, tamen mi aŭdis prononci „ekde", „depost" anstataŭ „ekde", „depost". Mi ankaŭ scias, ke oni en mallongigajoj, ekz. PED., ICK., LKK., UEA., kiuj en la prononcado ankaŭ postulas la esperantan akcenton, tamen metas la akcenton sur la lastan silabon: PED., ICK., LKK., UEA., kvazaŭ ili estus francaj vortoj.

Ofte al klara parolo necesas, ke oni en la elparolado montru la kunmeton de la vorto, ekz. la vorton „Romano" (ano de la urbo Ro-

ma) parolu „Rom-ano, sed la vorton „romano" (literarura verko) sen tiu divido. Simile: formeto — form-eto, ekstermenda — eksterm-enda, ktp.

Dum la Budapesta kongreso mi en la I. laborkunsido paroladis pri la ĉi tie pritraktata temo kaj la kunsido akceptis la sugeston al ICK., antaŭvidi en la programoj de universalaj kongresoj laŭeble unu horon por paroli pri la temo: Elparolado.

La internaciaj kongresoj donas la plej bonan okazon por ekkono de elparolaj malkorektaĵoj, speciale per reciproka atentigado. Ĉiu opinias, ke li bone prononcas, sed se ekz. polo diros al germano: vi malbone parolas la „e" kaj „s" en la vorto „interesa" kaj la germano diros al polo: vi en kelkaj vortoj malbone prononcas la „n", tiam ambaŭ havos utilon. Oni ankaŭ aranĝos parolkonkursojn, en kiuj oni precipe atentos la korektan elparoladon. En la estonteco oni de ĉiu paroladanto postulos ne nur fluan kaj bonan parolon, sed ankaŭ korektan elparoladon. La verkistoj de gramatikoj multe pli atentigu en la skribotaj esp.-gramatikoj al la korekta elparolado.

La ĵus de „Heroldo" eldonita gramatiko por germanoj „Das leichte Esperanto" bone montras tiun econ. En ĉiuj lecionoj (ne nur en la unua) la aŭtoroj Jung & Wingen ĉe ĉiu „prononckaptilo" aldonas la korektan elparolon.

Finfine mi opinias, ke la elparola afero precipe grava estas por la samnacianoj de la majstro Zamenhof, ĉar ĉiuj aliaj nacioj kompreneble esperos trovi ĉe la poloj la modelan, klasikan elparoladon de nia lingvo. Jen tasko, inda de penado! **Lud. Krysta**.

# BIBLIOGRAFIO.

**Klucz do Esperanta**. (Ŝlosilo de Esperanto). Eldonis: S. Grenkamp-Kornfeld, Jasło, Pollando.

Jam delonge elĉerpita unua eldono de la ŝlosilo necesigis aperigon de tiu tre utila libreto vere urĝe. Tiucelajn klopodojn entreprenis nia konata samideano, s-o Kornfeld. La broŝureto enhavas krom la vortara kaj gramatika partoj koncizajn informojn pri Esp.-movado. Mi rimarkis unu malagrablan eraron en registro de afiksoj, nome sur la 8-a pĝ. „-aj-" anstataŭ „-ej-". Amplekso: 48 pĝ. krom duobla kovrilo. Prezo: 50 gr.

**La Libervola Help-Servo** en la inunditaj regionoj de Liĥtenstejstejno kaj Svislando, 2-a de aprilo ĝis 5-a de oktobro 1928. Eldonita de la konstanta Komitato por la Libervola Help-Servo. Prezo: sv. fr. 1.— Mendu ĉe: „Freiwilliger Hülfsdienst", Poŝtĉeka konto V 9672 Basel (Svislando).

La broŝuro skribita en kelkaj lingvoj entenas resumojn en Esperanto. Ĝia enhavo prezentas belegan fakton: post terura inundo de Rejno, kiu ruinigis ampleksajn teritoriojn kaj surŝutis ilin per gruzoj kaj ŝtonoj laŭ alvoko de pacifisto Petro Ceresole anoncis sin tre multaj volontuloj el 20 nacioj, pretaj helpi la malfeliĉulojn. Ĉiujn vigligis nobla ideo, laboradis konkorde diversnacianoj, viroj kaj virinoj por forigi sekvojn de l' terura katastrofo. Komuna laboro donis imponajn rezultojn liverante al la partoprenintoj de l' laboro netakseblan kon-

tenton pro plenumo de l' grandaj komplezoj al la malfeliĉaj homojkunfratoj.

**Katolika Preĝareto,** eldonita de la Societo Sankta-Miĥaelo: 9,5×13,5 cm., 32 paĝoj, artaj ilustraĵoj. Prezo, afrankite: 2,50 fr. fk. „Espero-Katolika", 22, Cours Albert I-er, Paris — VIII.

La libreto enhavas matenan kaj vesperan preĝojn, preĝojn dum la sankta meso, por la konfeso, tri litaniojn kaj diversajn aliajn preĝojn. Por ĉiu katoliko ĝi estas vere tre interesa presaĵo ebliganta kompari esprimkapablon de Esperanto kun sia nacia lingvo. Malalta prezo permesas la libreton fari konvinkilo pri la neceso de ununura interkomprenilo por malsamlingvaj katolikoj. Lingvaĵo pura, preseraroj tre maloftaj.

**La esenco de l' Bahaismo** de dro Hermann Grossmann, Bahaa Esperanto-Eldonejo, Wandsbek (Germanujo), Poŝtfako 8. Paĝoj 8.

El la broŝureto ni sciiĝas pri celadoj de l' Bahaa-movado, kies instruoj estas religio. Interese estas ke por alproksimigi la naciojn la bahaa instruo ekkonas la enkondukon de unueca mondlingvo kaj de unueca mondskribo. — Lingvaj eraroj en la libreto estas ne tro malfacile troveblaj.

## POLLANDA KRONIKO.

**BIAŁYSTOK.** La 15. XII. en la ejo de S-to „Hellas" okazis la Kursa Soleno de Zam. Esp. S-to. Ĝin partoprenis pli ol 100 personoj. La malferman parolon faris la prezidanto S-ro J. Ŝapiro, kiu ankaŭ disdonis la premiojn kaj atestojn al la kursanoj. La unuan premion ricevis S-ro W. Janowicz, kiu ankaŭ faris la parolon en la nomo de kursanoj. Sekvis la parolo de S-ro M. Doroŝko la kursgvidinto, kiu vokis la absolvintojn de la kursoj al poresperanta laboro. Ĉar la Soleno koincidis kun la naskiĝtago de la Majstro, la Vespero ankaŭ entenis paroladon je temo „Zamenhof kaj la Festo de la Libro", faritan de la Sekretario S-ro F. Kurjański. Plue sekvis koncerta parto, kiu entenis kantojn, koncertajn ariorjn, deklamajojn k. t. p. plenumitajn de gesamideanoj G. Miller, B. Mekler, B. Halpern, S. Apelbaum, M. Dargużański, K. Ŝapiro, Z. Zonŝajn-membroj de la artista rondo de la S-to, kiel ankaŭ de S-ro B. Janowicz-kursano. La Vespero finiĝis per amuzoj kaj kantado. En la interaktoj okazis vendado de esper. libroj. Por novaj kursoj estas multaj varbitaj.

Grupo konsistanta el 25 gesamideanoj vojaĝis la 21. XII. al Łomża por partopreni tie la Solenan Malfermon de la Filio de Zam. S-to.

Lastatempe okazis en Białystok 2 prelegoj de S-ro J. Ŝapiro, el kiu unu en la S-to de ĵurnalistoj kaj dua en popola lernejo pri la vojaĝo al Wien, Budapest kaj Ĝenevo. La prelegoj enhavis multan materialon priesperantan kaj vekis intereson por nia afero.

En kelkaj popolaj judaj lernejoj oni komencis la instruadon de Esperanto. La loka unuiĝo de oficistoj malfermas esper. kursojn.

La 24. I. nian Societon vizitis S-ro G. Nikoloff Predatschew, samideano el Bulgarujo. Ankaŭ kelkaj provincaj gesamideanoj lastatempe vizitis nian urbon.

**FIANĈIĜO.** S-ro B. Rubin, membro de Zam. Esper. S-ro en Białystok fianĉiĝis kun F-ino S. Lewin, esperantistino en Białystok. Koran gratulon.

**EDZIĜOJ.** S-ro Izak Zuskowicz, membro de Zam. Esper. S-to en Białystok edziĝis. Gratulon.

F-ino Ch. Salman, membro de Zam. Esper. S-to en Białystok kun S-ro H. Trywaks. Gratulon.

F-ino R. Judelbaum, Komitatanino de Łomża Esper. Grupo kun J. Wisenberg en Varsovio. Koran gratulon.

**BIELSK PODLASKI.** Funkcias Esperanto-kurso, gvidata de S-ro H. Wajner, samideano el Białystok. Partoprenas 25 personoj. Granda intereso en la urbo.

**BYDGOSZCZ.** Dank' al fervora propagando de prof. M. Sygnarski okazas en loka ŝtata klasika gimnazio Esperanto-instruo ne deviga, kiun regule partoprenas pli ol 100 gimnazianoj de l' superaj klasoj. Instruas prof. Sygnarski. En la kla-

saj atestoj la lernantoj ricevis specialan noton pri progresoj en la Esp. lernado. La direkcio de la gimnazio tre favoras nian lingvon. En loka germana gimnazio privata entuziasmaj gimnazianoj-esperantistoj Reinhold kaj Jahnke sukcesis interesi siajn gekolegojn. Post enkonduka parolado farita de la UEA-delegito kaj vicprez. de la loka „Societo Esperanto" s-o Prengel okazadas nun kurso kun 25 gimnazianoj el la 6 kaj 7 klasoj, gvidata de s-o Reinhold. En ceteraj klasoj instruas prefekto s-o pastro Kukułka. Adreso de la studenta rondo: Werner Bragulla, sekretario, Bydgoszcz, ul. Cieszkowskiego 5.

**CHEŁMNO.** Dank' al klopodoj de s-oj Radzimiński kaj Malinowski malfermiĝis ekspozicio de esperantaĵoj multnombre vizitata de lokaj loĝantoj. Estas eldonitaj speciala propaganda broŝureto kaj poŝtkartoj kun pollingvaj propagandaj surskriboj. Estas aparte substrekinde, ke la loka ĵurnalo „Ziemia Chełmińska" preskaŭ en ĉiu numero aperigas longajn artikolojn pri la tutmonda Esp.-movado.

**CIECHANOWIEC.** La 21. XII. okazis organiza kunveno de loka esperantistaro. Decido fondi Filion de esper. S-to el Białystok. La 12. I. okazis propaganda priesperanta prelego de S-ro R. Placek, vic-prez. el Białystok. Ekfunkciis Esperanto-kurso, partoprenata de 30 personoj sub gvido de S-ro A. Jaworski el Białystok.

**GRODNO.** Komenciĝas kurso, gvidata de S-ro A. Menczyński.

**KOLNO.** La 8. II. okazis tie ĉi granda propaganda Vespero. La propagandajn parolojn faris la Vic-distriktestro, S-ro Prof. Hecht, S-ro Borkowski kaj D-ro Perelman el Łomża. Al la Vespero venis ekskurse per aŭtobuso 28 samideanoj el Łomża. La lastaj prezentis al la ĉeestintoj la esperantan revuon „Nia Ĝardeno" kaj ankaŭ multajn kantojn kaj deklamaĵojn. La Vespero havis grandan sukceson kaj jam fondiĝis organiza komitato por fondi esper. grupon kaj kursojn.

**KRAKÓW**. Okazas tri kursoj, unu supera kaj du komencaj. Gvidanto de ili estas s-o Hodakowski. Prepariĝas du pluaj: unu por oficistoj de la magistrato, kiun plej verŝajne partoprenos tre multaj aŭskultantoj, kaj la alia por lernantoj de unu el ĉi tieaj gimnazioj.

**LWÓW**. La 11-an de jan. okazis en la ĉi-tiea Societo interesplena prelego de la prez. s-o dro Fels pri „La ĉina medicino". kiu ricevis ĝeneralan aplaŭdon. En la klubejo regas vigla movado. Estas aranĝataj senĉesaj kursoj kun multa partoprenantaro.

**ŁOMŻA**. La 21. XII. tie ĉi okazis la Solena Malfermo de Łomza Filio de Zam. Esper. S-to en Białystok. Al la Soleno alvenis per speciala aŭtobuso 25 gesamideanoj el Białystok. Por tiuj estis preparita matenmanĝo en la ejo de la Filio, post kio okazis komuna fotografado. La komuna tagmanĝo okazis en la urba restoracio, dum kiu estis prezentitaj multaj esper. muzikaĵoj. Posttagmeze okazis propaganda pollingva prelego de S-ro J. Ŝapiro el Białystok, kiu altiris grandan atenton de la publiko. En la sama salono vespere okazis la Solena Malfermo de la Filio. La malferman parolon faris S-ro D-ro M. Perelman — la prezidanto de la Filio. Belan kaj longan salutparolon faris en esperanta lingvo S-ro W. Świderski — la prezidanto de la urbo Łomza, nia malnova samideano. Plue parolis S-ro J. Ŝapiro — prez. de la S-to en Białystok, S-ro Domowicz, en la nomo de la loka cionista organizaĵo kaj S-ro Kawecki en la nomo de kristana junularo. F-ino Markiewicz — la Sekretario de la Filio legis la ricevitajn saluttelegramojn, inter kiuj ankaŭ de F. Zamenhof. Sekvis koncerta parto plenumita de łomżaj samideaninoj-F-inoj Łucka, Cybulska kaj Eichelt kiel ankaŭ prezentado de la esper. revuo „Nia ĝardeno" farita de la artista rondo de Zam. Esp. S-to el Białystok. Per amuzoj, dancado kaj bankedo tre malfrue finiĝis la Soleno, kiu vekis grandan intereson en la urbo. Funkcias 8 grupoj kun preskaŭ 150 lernantoj sub gvido de S-roj Perelman kaj Litwiński. La elektita Komitato de la Filio konsistas el: M. Perelman — prez., Litwiński — vic-prezid., F-ino R. Markiewicz — Sekr., S-ro Kotuński — kasisto, S-ro Ołtarz — administranto, S-ro Dzierżgowski — bibl. kaj S-ino Perelman — komitatanino.

La 11. I. en la ejo de la Filio en Łomża okazis prelego de S-ro F. Kurjański — la Sekretario el Białystok je temo: „La Universalaj Kongresoj kaj eksterlandaj vojaĝoj". En la sama vespero okazis la laŭtlego de la unua numero de „Viva gazeto" de lokaj esperantistoj.

**ŁUCK.** S-ro Anatol Koh, nia malnova fervora samideano, komencis en decembro 1929 gvidadon de Esp. kurso en superaj klasoj de ĉi-tiea ukraina gimnazio. 30 partoprenantoj.

**SOKOŁÓW PODLASKI**. Privata kurso gvidata de F-ino Ch. Rubinstejn.

**SOSNOWIEC.** La aperinta antaŭ kelkaj monatoj pollingva broŝureto, kompilita de s-o Bol. Czechowski, sub tit.: „Vojaĝo tra la mondo ebla por ĉiu", en kiu troviĝas ĉapitroj de diverslandaj samideanoj, klopodantaj elmontri neceson de unu komuna lingvo, estas presita denove kiel aldono al la jurnalo „Głos Zagłębia".

**WARSZAWA.** La 20. de I. kunvenis delegitoj de ĉiuj Esp. Societoj en Warszawa por pridiskuti temon koncernantan propagandon de Esp. Post vigla diskuto oni akceptis unuanime proponon de s-o Wiesenfeld kun aldono de s-o Zawada. Jen ĝi: La kunvenintoj, reprezentantoj de ĉiuj Esp.-Societoj en Warszawa decidas: 1) Starigi statistikon de radioamantoj inter siaj membroj. 2) Peti ĉiujn Esperantistojn radio-amantojn el tuta Polujo, ke ili subtenu la gazeton „RA", kiu konstante aperigas Esp. anguleton. 3) Peti la samajn, ke, se en kelkaj n-oj de la dirita gazeto ne aperos la Esp. angulo, ili konsideru sia devo postuli de la redakcio la nepran daŭrigon de ĝi. Tiamaniere ili montros, ke ili estas abonantoj aŭ almenaŭ legantoj de tiu gazeto kaj samtempe, ke ili interesiĝas pri la anguleto.

**WILNO.** La 9 de febr. okazis esperantista solena festo sub nomo „Verda five o' clock" en tre bele ornamita salono de la Studenta Esp.-Rondo. Ĉiuj ornamaĵoj estis verdaj kaj sur la muroj pendis diversaj belaj transparentoj priesperantaj. Ĉeestis ĉ. 40 personoj, inter ili estis kuratoro de la Rondo s-o prof. J. Muszyński kaj la delegito de UEA s-o prokuroro R. Sakowicz, kiu per sia gajeco amuzis la tutan societon. Oni gaje dancis laŭ sonoj de bonega muziko. La vespero estis bona propagando de Esperanto kaj donis sufiĉan enspezon.



## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

POLA TERITORIO. Ĉefdelegito: J. Ŝapiro, Lipowa 33, Białystok.
Konto ĉe PKO No 60.047.

**OFICIALA BULTENO No 15.**

FRUPAGINTOJ, BONVOLU ATENTI! Ni informas, ke sekve de eksterordinara interesiĝo de niaj membroj pri la premio No 3 („Verdkata Testamento"), la tuta provizo de tiu-ĉi libro rapide elĉerpiĝis. La libro estas nun represata kaj baldaŭ post finpreso dissendata. Frupagintoj, elektintaj tiun premion kaj ĝis nun ĝin ne ricevintaj, bonvolu do ne malpacienciĝi. Aliaj premioj estis laŭorde dissendataj. Kelkaj frupagintoj malgraŭ nia demando ne indikis la deziratan de ili premion. Ni petas rapide nin informi por ke ni povu ekspedigi la premion. En okazo de nericevo de tia informo, estos dissendata al tiuj membroj premio laŭ elekto de la Ĉefdelegito.

UZU LA SERVOJN DE UEA. Ni ripetas nian alvokon al la membraro pri uzado de servoj de UEA. La Delegitoj de UEA en la tuta mondo estas pretaj doni al vi postulatajn informojn. Ne forgesu nur alglui nunjaran (blankan) kuponon por servopeto kaj aldoni respondkuponon poŝtan aŭ tiun de UEA.

NOVA PREMIO POR SUBTENANTOJ. Ni atentigas la membrojn, kiuj ankoraŭ ne pagis la kotizon por la jaro 1930, ke la listo de premioj por Subtenantoj (kotizo — 45 zlotoj) estas nun kompletigita per aldono de jenaj tri verkoj, formantaj unu premion: Remarque — „En Okcidento nenio nova" (la fama verko pri milito); Storm — „Du majstronoveloj"; Dro Trögel — „Esperanto kaj kulturo". Anoj, jam pagintaj sian kotizon kiel Membro aŭ kiel Membro-Abonanto povas ankaŭ fariĝi Subtenanto, alpagante la diferencon.

STATO DE UEA EN POLUJO. Kun vera kontenteco ni notas, ke dum la monato januaro la nombro de membroj, pagintaj sian kotizon por 1930, preskaŭ duobliĝis. La 1-an de Februaro 1930 UEA havis en Polujo 272 membrojn (3 DM, 7 MS, 180 MA, 82 M) kaj 1 Esp. Entreprenon. Por komparo ni mencias, ke je la sama dato en la jaro 1929 ni kalkulis en Polujo nur 203 membrojn. Inter la aliĝintoj por 1930 estas notinda nombro de novaj membroj, kio pruvas konstantan disvastiĝon de nia lingvo en Polujo. Ni forte esperas, ke ĉiuj pasintjaraj membroj restos fidelaj al nia Asocio kaj repagos sian kotizon. Kun speciala ĝojo ni trovas inter la aliĝintoj kelkajn malnovajn membrojn de UEA, kiuj post kelkjara interrompo denove revenis niajn vicojn.

NOVAJ DELEGITOJ. Ni informas pri starigo de nova delegito:

TOMASZÓW MAZOWIECKI. D. Julјan Blay, komerca oficisto, ul. św. Antoniego 17.

Ni petas ankaŭ noti la jenan adresŝanĝon:

STRYJ. D. S-ino Erna Zimand, komercistedzino, ul. Potockiego 5, I p.

Białystok, la 1. 3. 1930. **J. Ŝapiro, Ĉefdelegito de UEA.**

# TRADUKA KONKURSO.

Kiu plej bone tradukos ĉi subajn frazojn kaj sian ellaborajon alsendos antaŭ la 15 de aprilo laŭ la indikita adreso, rajtos elekti premie libro(j)n en valoro de 4 zl. La solvo aperos en maja numero.

Nie poczuwając się do winy, wniosłem odwołanie od krzywdzącego mnie wyroku. Bo należy wiedzieć, że, nie biorąc w rachubę osobistych niechęci, które zapędzały niejednokrotnie dyskutujących za daleko, obie strony odznaczały się najlepszą wiarą — i twierdzenie przeciwne jest wprost fałszem. Naogół biorąc, egzamin wypadł pomyślnie. Mimo wszelkich zabiegów, nie udało mu się wprowadzić mnie w błąd. Nie mogłem się podjąć tego zadania — było ono dla mnie zbyt ciężkie. Daremne twe zachody, bo nic z tego nie będzie. Klika ta, w której obskurantyzm prym wodził, doprowadziła wkrótce do zagłady towarzystwa. Tłum znalazł się na rozdrożu i złe instynkty wzięły górę. Błędnem okiem zapatrzył się w to gasnące oblicze, że nie widział, co się wokół niego działo. Co do pieniędzy, to obecnie trochę krucho. Tak, lecz z tej kwoty odchodzi sporo na różne wydatki. Strzeż się go, bo to łapserdak pierwszej wody. No, i co powiesz na to, że go w kozi róg zapędziłem. W Zakopanem jest pierwszorzędna skocznia narciarska. Odskocznia w sali gimnastycznej pozwala na robienie dłuższych skoków. Nie kupuj tam, bo to znany zdzierca. Cios był zręczny, lecz go odparowałem. Paskarze podczas wojny darli bez litości. Przywołano go do porządku. Proszę o głos! Ot widzisz, do czego zapamiętanie się w gniewie może doprowadzić. Trzeba się będzie jutro wybrać zapłacić. Gdyby tak co do czego przyszło, czybyś wiedział, jak postąpić. Łapownictwo kwitnęło w całej pełni. Ubranie leży, jak ulał. Wobec tego będziesz mi winien, jak ulał, 20 zł. Staremu dzwonnikowi niekiedy przychodziło na myśl, że to są łotry z pod ciemnej gwiazdy. Niezrównana, serdeczna ofiarność otarła łzy tej prawdziwej nędzy. Sienkiewicz był rzecznikiem narodu. Nasze dusze nie spodlały. Było ciemno — choć w pysk daj. I szli w sukmanach, z drągami osadzonych sztorcem kos, na ramionach. Och, będzie źle, pomyślałem sobie. Dr. L. Dreher, Kraków, Starowiślna 37.

## RICEVITAJ GAZETOJ.

Krom la menciitaj en la februara nro ni ricevis ankoraŭ jenajn gazetojn:
Rivista Italiana di Esperanto, Udine,
Kultura, Plovdiv — Bulgarujo, ĉiumonata gazeto en bulgara lingvo, dediĉita al propagando de Esper.
La Progreso. Oficiala Organo de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista. Red. Praha VII Socharska 333.
Esperanto-Lingvo Internacia, Tokio,
Junulara Ligo de Nagasaki, Nagasaki — Japanlando,
Dansk Esperanto-Blad, Organo de Centra Dana Esperantista Ligo.
Internacia Stenografisto, Oficiala Organo de la Internacia Asocio de la Esperantistoj-Stenografistoj, Belgujo,
Ondo de Daŭgava, Oficiala Organo de Latva Esperanto-Societo,
Paris Esperanto, Monata Organo de l' Grupo Esperantista Pariza.

## DE LA REDAKCIO.

### Kolekto por la tombomonumento de Prelato Giesswein.

Ni memorigas ke la Redakcio kolektas monon por la monumento de nia meritplena Samideano el Budapest. Grupoj en Kraków jam kolektis 30 zl.

Bonvolu sekvi!

Ni ricevis jenan leteron:

Dezirante konatigi la belecon de nia unuaranga banloko — Varna, la perlo de la Nigra maro, la urba konsilantaro decidis eldoni prospekton kaj gvidlibron de Varna en franca, germana, angla kaj pola lingvoj.

Nia societo proponis al la konsilantaro, ke oni eldonu ankaŭ esperantan gvidlibron. La urbestro respondis al nia peto, ke li presos tian gvidlibron en esperanto. se li ricevos multajn leterojn el fremdlando, per kiuj oni deziras tion.

Do, ni petas Vin, Estimata Sinjoro, bonvolu aperigi tiun-ĉi deziron en Via organo, petante la samideanaron skribi leterojn al la Kmeta, Varna — Bulgario.

Tio akceligos kaj sukcesigos la aferon de esperanto en nia urbo kaj lando.

Sekvas subskriboj.

Drukarnia L. Gronusia i S-ki w Krakowie, ul. Stolarska 6. Telefon 1018.

**KIAL ĈIU POLLANDA ESPERANTISTO DEVAS NEPRE HAVI SUBMANE LA „PLENAN FUNDAMENTO-VORTARON DE LINGVO INTERNACIA ESPER."**
(esp.-polan, eldonitan de „Laboro")?

1). Ĉar ĝi estas en pola lingvo la **unua** eldonaĵo **plena**, t. e. enhavanta ne nur la „Fundamenton" de la jaro 1905, sed ankaŭ ĉiujn ĝisnunajn 4 oficialajn „Aldonojn de l' Akademio" al „Fundamenta Vortaro", inkluzive la lastan de monato majo 1929.

2). Ĉar la — aliflanke bonegaj ĝisnunaj vortaroj de Grabowski, eldonitaj en la jaro 1916, indikas kiel oficialajn nur la unuajn 2 „Aldojn" de Akademio, dume la vortoj de la „3-a kaj 4-a Aldonoj", tiame ankoraŭ ne oficialigitaj, laŭnature ne estas tie indikitaj kiel oficialaj.

3). Ĉar la fideleco al „Fundamento" respeguliĝas ne nur ĉe la observo de la „16 Reguloj" kaj de la oficiala Afiksaro, sed ankaŭ ĉe la uzado de kiel eble nur **oficiale** akceptitaj vortoj de nia lingvo — kaj **ĉiu** Esperantisto — ĉu komencanta ĉu, jam tre lerta, devas ĉiam scii, kiuj vortoj estas oficialaj kaj kiuj ne.

4). Ĉar — se temas pri financa flanko — la nur oficiala kvinlingva „Fundamento" sen „Aldonoj" kostas sola jam 2 zł, la 4 „Aldonoj" entute ne estas en pola lingvo aĉeteblaj (ekzistante nur en franca, germana kaj angla lingvo kaj kostante kune almenaŭ 6 zł.) kune 8 zł. dume la suprecitita „Plena Fundamenta Vortaro" de „Laboro" kostas por nemembroj kaj en la librejoj 4 zł. kaj **por membroj** de esperantaj societoj

**nur 2,50 zł.** (sen sendkostoj).

Mendu do la „Vortaron" de „Laboro" multnombre por vi mem, por viaj kursoj kaj propagand-vesperoj ĉe via esp. Societo, aŭ senpere ĉe la eldonintoj je la adreso:

Jan Zawada, sekretario de „Laboro", WARSZAWA, Miasto-Ogród, Czerniaków, ul. Zaciszna 1. Konto PKO. 20845, aldonante 10 proc. por sendkostoj.

# Libreja Fako de „Pola Esperantisto"

**Kraków, ul. Lubicz 34. Konto PKO. 406.660.**

**REKOMENDAS:**

| | |
|---|---|
| **Albanio** — Gvidlibro | 0.60 |
| **Albumo de Kraków** (34 fotoj) | 0.80 |
| Albumo de l' VIII en Kraków. Luksege eldonita kun 6?0 fot. | 15.00 |
| **Ama stelaro** | 1.10 |
| **An-Ski** — Dibuk. Teatraĵo | 1.25 |
| **Avsejenko** — Fraŭlino Suzano | 2.00 |
| **Bałucki** — Kuzeto. Komedio en trad. de S. Grenkamp | 0.60 |
| **Baudouin** — La arto de memdisciplino: Psikagogio | 1.30 |
| **Białystok** — Gvidlibro tra urbo de nia Majstro | 0.60 |
| **Blicher** — Taglibro de vilaĝpedelo. Rakonto | 1.20 |
| **Bonnsels** — Ŝolandro | 2.20 |
| **Bratescu-Voinesti** — Niĉjo Mensogulo k. aliaj noveloj | 0.65 |
| **Bujwid O. prof.** — Kvin prelegoj pri bakterioj | 1.00 |
| — La apliko de radioj ultraviolaj al sterilizo de akvo | 0.35 |
| **Bukedo** — I. kaj II. Rakontoj de diversnaciaj aŭtoroj po | 1.20 |
| **Bultuis** — Malriĉa en spirito. Dramo orig. en E. | 1.40 |
| **Butin** — Faŭsto. Komentario al la I-parto | 0.60 |
| **Butler** — Himnaro Esperanta | 3.00 |
| — Kantaro Esperanta | 3.00 |
| **Cart i Borel** — Esperanto w 10 lekcjach | 1.30 |
| **Czubryński** — Esperantyzm. Wyd. II. | 3.00 |
| **Dobrzański** — Al mokantoj | 0.45 |
| **Dreyfus** — La vangfrapo | 1.00 |
| **Fredro** — Consilium facultatis. Komed. trad. Ant. Grabowski | 1.60 |
| **Gemoj de la hungara popolmuziko** | 3.20 |
| **Glumarkoj** „Babel" 10 pecoj | 0.10 |
| **Grabowski Ant.** — Nova Antologio | 1.60 |
| **Grenkamp-Kornfeld** — Krioj de l'koro. Poeziaĵoj | 0.50 |
| — Penseroj. Legindaj precipe en kursoj | 0.75 |

| | |
|---|---|
| Gryff — W sprawie nauki języków obcych . . . . . | 0.50 |
| Hebbel — Gyges kaj lia ringo . . . . . . . . . | 6.50 |
| **Hector Hodler — Lia vivo kaj lia verko** . . . . . . | 4.00 |
| Hiller — Ho, tiuj fremduloj, opereto . . . . . . . | 1.40 |
| Ilustrita Gvidlibro tra Pollando kaj Danzig—Gdańsk, eldon. de la P. E. D. Kraków . . . . . . . . . . | 1.50 |
| Insignoj esper. (steloj) po 1.10, 1.20, 1.30, 1.40, 1.50, 1.70, 2.10, 2.30. | |
| **Jarkolekto de „Pola Esperantisto" 1928** . . . . . . . | 5.00 |
| **Jarkolekto de „Pola Esperantisto" 1929** . . . . . . . | 6.00 |
| Jung — La alta kanto de la amo . . . . . . . . | 1.80 |
| Kant — Al eterna paco . . . . . . . . . . | 4.40 |
| Kaplan — Akordoj esperantaj . . . . . . . . . | 0.80 |
| Karinthy — Morgaŭ matene . . . . . . . . . | 2.60 |
| — Norda vento; novelkolekto . . . . . . . | 1.30 |
| Kongreslibro de l' VIII. en Kraków. Riĉe ilustrita . . . . | 1.00 |
| **Kraków — Urbo de Jubilea Kongreso 1912** . . . . . . | 0.80 |
| Kriss — Melodoj de l' nokto. Poeziaĵoj . . . . . . . | 1.00 |
| Lange — Libroj de profetoj, ses poemoj; trad. Ant. Grabowski . . | 1.50 |
| Lessing — Minna de Barnhelm . . . . . . . . . | 4.30 |
| Lippmann — Sprachliche Gutachten . . . . . . . . | 2.00 |
| Malgranda terbiblio . . . . . . . . . . | 2.00 |
| Mérimée — Mateo Falcone k. aliaj rakontoj . . . . . . | 0.65 |
| Mickiewicz — Sinjoro Tadeo, trad. Ant. Grabowski . . . . | 6.50 |
| Multatuli — Historio de Saidjach kaj Adinda; eld. Liem Tjong, Hie Semarang — Java . . . . . . . . . . | 1.85 |
| Oberrotman kaj Jung — La lastaj tagoj de D-ro Zamenhof . . . | 2.60 |
| Polaj Kristnaskaj Kantoj . . . . . . . . . . | 0.35 |
| Privat — Vivo de Zamenhof . . . . . . . . . | 5.40 |
| Ramo — En Svislando . . . . . . . . . . | 4.80 |
| Reymont — En fumejo de l' opio, novelo; trad. D-o K. Bein (Kabe) . | 1.20 |
| Słowacki — La patro de pestuloj el El-Arish, trad. Ant. Grabowski . | 1.40 |
| Schwartz — Verdkata testamento . . . . . . . . | 5.00 |
| Ŝapiro — Babiladoj de bonhumora Zamenhofano . . . . . | 1.00 |
| Ŝlosilo esper. en pola lingvo . . . . . . . . . | 0.60 |
| Tatroj kaj Zakopane . . . . . . . . . . | 0.50 |
| Tichawski — „La Mondlingvo", podr. Esp. . . . . . . | 5.00 |
| Trochimowski — Kwestja języka międzynarodowego 10 ekz. . . | 1.00 |
| Turno — Kompletny podręcznik Esperanta; wyd. III. . . . . | 1.25 |
| — Wyższy kurs . . . . . . . . . . | 2.00 |
| Wells — La dormanto vekiĝas . . . . . . . . . | 5.00 |
| Wiesenfeld — Galerio de Zamenhof. Kun 18 portretoj . . . . | 2.40 |
| Zamenhof, D-o Leono — Mia liro . . . . . . . . | 1.10 |
| Zawada — Pełny podstawowy słownik j. Esp. (esp.-pol.) . . . | 4.00 |

**La verkoj de Zamenhof:**

| | |
|---|---|
| Fundamenta Krestomatio . . . . . . . . . . | 5.60 |
| Fundamento de Esper. (5-lingva) . . . . . . . . | 2.30 |
| Lingvaj Respondoj . . . . . . . . . . | 2.80 |
| Proverbaro Esperanta . . . . . . . . . . | 2.70 |
| Andersen — Fabeloj I. kaj II. parto po . . . . . . | 4.40 |
| Goethe — Ifigenio en Taŭrido . . . . . . . . . | 3.30 |
| Gogol — La Revizoro . . . . . . . . . . | 3.30 |
| Heine — La Rabeno de Baĥaraĥ. La Gimnazio . . . . . . | 2.30 |
| Molière — Georgo Daudin . . . . . . . . . | 1.75 |
| Orzeszko — Marta . . . . . . . . . . | 5.50 |
| Schiller — La Rabistoj . . . . . . . . . . | 3.30 |
| Shakespeare — Hamleto . . . . . . . . . . | 2.75 |

**Nur antaŭpago. — Por sendkostoj aldonu 10%.**

**Por rekomendita sendaĵo plu 0.50 zł. La sendaĵon nerekomenditan ni ne garantias.**

---

Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.